# gh

# gaja haveno

**+ TV-serioj + Glenn + Abeloj + James Joyce**

Porto Alegre, RS, Brazilo
Oktobro 2019 | **N-ro 46**
Kreita en 1977




Isaj Dratwer (1905-1985) foi um bacteriologista e entusiasta esperantista judeu (foto), tendo sido presidente da *Liga Israelense de Esperanto* e Secretário Geral da *Associação Esperantista Polonesa*. Foi autor de *Pri Internacia Lingvo dum Jarcentoj* /*Sobre Língua Internacional através dos Séculos* (1970) e *Lidja Zamenhof: vivo kaj agado*/*Lídia Zamenhof: vida e obra* (1980). Durante o regime nazista, viveu a dolorosa experiência de ter sido confinado em campos de concentração e é de sua autoria parte do texto de uma palestra, que reproduzimos a seguir, sobre o trágico fim da família Zamenhof, igualmente vítima do Holocausto:



# Vítimas do Holocausto



▶*"(...) Nasci em Varsóvia, Polônia, lá passei muitos anos, finalizei o ginásio e a universidade e por longo tempo fui muito ativo no movimento esperantista polonês. (...) Morei em Varsóvia durante a ocupação na Segunda Guerra Mundial, vivi no gueto varsoviano até sua definitiva liquidação. Por essa razão, posso contar algo sobre o destino da família do Dr. Luís Zamenhof, criador do esperanto.*

*Durante o cerco a Varsóvia em setembro de 1939, foi destruída pelos aviões alemães a casa à rua Królewska, 41, onde no terceiro andar encontrava-se a residência de Dr. Lázaro Luís Zamenhof. Depois de sua morte [1917], moravam no vasto apartamento de cinco peças Dr. Adam, sua esposa Dra. Wanda, o filho Louis-Christophe, bem como Dra. Sofia e mestra Lídia, as filhas de Zamenhof. Na moradia eram religiosamente conservadas diversas lembranças sobre o criador da língua internacional. Também seu gabinete, em que ele costumava trabalhar, permanecia praticamente inalterado. Depois da destruição do prédio, a família de Zamenhof passou a morar em uma habitação do casal Minc na rua Foch, 8. A Dra. Janina era irmã da sra. Wanda.*

*Alguns dias depois da ocupação de Varsóvia pelos alemães (28/09/1939), visitou-me em minha cada o co-idealista Julian Lindenszat, ativo participante da sociedade esperantista Konkordo (Concórdia), que posteriormente pereceu com milhares de outros co-idealistas judeus e emocionado informou que a família do Dr. Zamenhof tinha sido presa. Também aconselhou-me  que eu eliminasse meus livros de esperanto e fugisse porque provavelmente também iriam me levar para a prisão. Eu era presidanto da laboriosa organização esperantista Varsovia Esperanto-Societo. Contudo não queimei meus livros de esperanto. Eles depois foram destruídos juntamente com todos meus pertences durante a destruição do gueto de Varsóvia. Permaneci em casa...*

*Como fiquei sabendo mais adiante, as autoridades da sitiada e muito sofrida Varsóvia queimaram endereços dos membros da diretoria de todas as sociedades e organizações políticas que atuavam antes da guerra na capital da Polônia.*



Adam Zamenhof (1888-1940), médico-chefe do setor de oftamologia do Hospital Judaico em Varsóvia



Zofia Zamenhof (1889-1942), enfermeira de crianças



Lidia Zamenhof (1904-1942), formada em Direito, dedicou sua vida à propagação do esperanto e da Fé Bahai

*Evidenciou-se que os alemães prenderam o filho do Dr. Zamenhof, Dr. Adam Zamenhof, que tinha sido o médico responsável pelo departamento de oftamologia do Hospital Judaico e que depois da explosão da guerra, em função da fuga do diretor anterior, tornou-se diretor do hospital. Foi preso na Escola de Enfermaria, situada num terreno do hospital. Conforme relato de uma testemunha, professora da escola, chegaram membros da Gestapo. Ela supôs que estivessem trazendo uniformes, mas eles indagaram sobre o Dr. Adam Zamenhof, diretor do hospital. (...) Depois de alguns minutos de permanência em sua sala, eles a deixaram juntamente com o Dr. Adam Zamenhof, bastante pálido. No mesmo dia no hospital prenderam sua esposa Dra. Wanda e sua irmã Dra. Zofia. Na residência do casal Minc, no mesmo dia, os alemães prenderam a Srta. Lidia e o Dr. Henrik Minc, cunhado de Wanda, que não eram esperantistas em absoluto. Levaram-no em vez de Louis, então enfermo, provavelmente de tifo, segundo imaginaram. As mulheres detidas foram conduzidas depois de algumas semanas para uma penitenciária feminina que se chamava Serbia.* **Finaliza na próxima edição**

# Kaf-paŭzo



↪**César Dorneles**

## Miaj preferataj TV-serioj

Sur la televidilo mi precipe spektas TV-seriojn kaj futbalmatĉojn. Por bona informiĝo mi utiligas interreton. La 24an de septembro komenciĝis la 4a sezono de unu el miaj preferataj serioj: *This Is Us* (Fox Premium). Ĝi rakontas la historion de tri gefratoj, unu el ili (nigrhaŭtulo) estas adoptita. La intrigo disvolviĝas tra malsimilaj epokoj. La 5a sezono de *Outerland* (Fox Premium), mia preferata serio, debutos nur komence de 2020. Ĝi estas bazita sur libroj de usona verkistino Diana Gabaldon kaj miksas elementojn de sciencfikcio, fantazio kaj historio: Claire Handall, angla flegistino dum la 2a Granda Milito, post la evento, okaze de vojaĝo kun la edzo al Skotlando, pro ia magia procedo, vojaĝas tra la tempo kaj subite ŝi troviĝas en la jaro 1743 en la sama regiono en kiu ŝi gastis kun la edzo.



Nuntempe mi ankaŭ akompanas la intrigdisvolviĝon de aliaj serioj. *Succession* (HBO), jam en la 2a sezono, spegulas la vivon de la familio Roy kaj la konfliktemajn rilatojn de ĝiaj membroj. La patro estas posedanto de granda aro da amaskomunikiloj, li estas maljuna kaj malsana kaj la filoj luktas por la kontrolo de la entreprenoj. *Big Little Lies* (HBO) pritraktas la envolviĝon de kvin virinoj en murdinvestigado. Kun Nicole Kidman, Reese Witherspoon kaj Meryl Streep. Ho! *Divorce* (HBO) rakontas al ni pri la postdivorca vivo de mezaĝa paro. Ŝajnas al mi, ke ĉe la fino ili interpaciĝos... ●

# Juvenalo komentas ĵurnalon

La *krimo* de Glenn estas tio: li vere ĵurnalismas...



# Poezia rubriko

Se iam alvenos iu morgaŭ
kiam ni ne estos kune,
estas io kion vi devas ĉion
memori:

Vi estas pli kuraĝa ol vi
opinias,
pli forta ol vi aperas,
kaj pli inteligenta ol vi
pensas.

Sed la plej grava afero estas
ke
eĉ se ni estas malproksimaj,
mi ĉiam estos kun vi. ●



↱Ŭini la Pu

# Miks-Perfektemaj



## Abelkolonio

Abelkolonio havas mezume 50 mil plenkreskajn abelojn kiuj laboras per organiza kaj hierarkia maniero. La abelreĝino respondecas pri generado de posteuloj post kiam ĝi kopulacias kun la virabeloj, la reproduktantoj de la komunumo. En la apogeo de ĝia ekzisto, ĝi sukcesas ovumi eĉ mil ovojn potage. El la plejmulto de tiaj ovoj, derivas la laboristinoj, malfertilaj femaloj kiuj konsistigas 96% el la abelujo. Ili estas 12 milimetrojn altaj, ili pezas 60 miligramojn kaj vivas de 35 ĝis 50 tagoj. La vivodaŭro de la reĝino estas proksimume kvarjara. La virabeloj vivas ĝis naŭdek tagoj. (Fragmento de la reporteraĵo *Operação Zangão* (*Operacio Virabelo*), de Leonardo Pujol, pulikigita en la revuo Piauí de aŭg/2019. ●

**Pierre Bonnard** (1867-1947), franca post-impresionisma pentristo, kutimis viziti galeriojn kaj muzeojn portanta penikojn kaj farbon por kaŝe ete refari siajn pentraĵojn.

**James Joyce**, Irlanda verkisto, (1882-1941), de tempo al tempo revizii sian ĉefverkon *Ulysses* (*Uliso*).




**Jorge Luis Borges** (1899-1986), argentina verkisto, je ĉiu nova eldono de *El Aleph* (La Alefo), ŝanĝis kvarfoje la nombron da noveloj de la libro.

**Francis Ford Coppola** (1939-...), usona reĝisoro, relanĉis kvarfoje sian filmon *Apocalypse Now* (1979) kun modifoj pri la scenoj kaj tempodaŭro. Pasintmonate la kvara versio *Apocalypse Now – Final Cut* estis lanĉita pere de *blue-ray*. (Referenco: revuo Época de 02/sep/19) ●

# La ĉefpunktoj en la portugala




La ĉefpunktoj en la portugala lingvo havas la jenan etimologian devenon:

***Norte*** devenas el la angla *north*, *maldekstra flanko*, ĉar la ĝermanoj havis kiel punkton pri orientiĝo la orienton, en kiu la suno *naskiĝas*.

***Sul*** devenas el la antikva angla *suth*, siavice el la ĝermana *sunthaz*, la *flanko de la suno*, tio estas, la Suda Hemisfero, kien la suno inkliniĝas tagmeze.

***Leste*** devenas el la franca *l'est*, ĉi tiu el la angla *east*, siavice el la hindeŭropa *aus* (*brilo*) – kp. kun la esperanta *aŭro*.

***Oeste*** devenas el la angla *west*, el la radiko de *vespertino* (E-a *vespera*), rilata al Venuso, la unua *stelo* aperanta sur la ĉielo okaze de la... vesperiĝo. ●



www.gajahaveno1.blogspot.com

www.facebook.com/groups/esperantonun



# El la legantoj

Adorei os Gaja Haveno, simples e elegantes, e têm posições claras a respeito de diversas questões. (Fernando Pita, Rio-de-Ĵanejro) ●

# Lingvo

## Esperantaj sinonimoj

bankroti – fiaski – malsukcesi

bari – bloki – obstrukci

barbaro – sovaĝulo – brutulo

barbiro – frizisto – razisto

batali – lukti

bazo – fundamento

bebo – etinfano – suĉinfano ĵusnaskito

bela – plaĉaspekta

belvedero – belvidejo ●

↪Referencoj:

Esperantaj Sinonimoj, de Jaan Ojalo (UEA, 1999)

gaja haveno

Redaktas
César Dorneles Soares
dornelespoa@gmail.com

Eldonoj PDF-forme:
www.esperantors.net.br/gajahaveno



## Sencoj

**Renkonto/ rendevuo**

*Renkonti***:** Veni, vizaĝo kontraŭ vizaĝo al iu persono, irante kontraŭdirekte al tiu*: plibone estas renkonti ursinon ol malsaĝulon*. **Renkonto**: Kunveno de du aŭ pluraj personoj de diversaj direktoj: *strangajn renkontojn oni faras en la vivo*.

**Rendevuo**: Interkonsento, laŭ kiu du aŭ pluraj personoj renkontiĝos en sama loko kaj sama horo: *aranĝi rendevuon kun iu*. *Rendevuejo*: loko kie oni rendevuas. (PIV) ●